=====================================================

I N T E R N A C I A   Ĵ U R N A L I S T O

n-ro 2   septembro 1974

=====================================================

## SCIENCA INFORMADO - LA PLEJ PERSPEKTIVA KANALO

Nun, kiam vastiĝas apliko de Esperanto far neesperantistoj, necesas bone analizi kaj pritrakti la plej perspektivan kanalon en la evoluci-fluo de la lingvo internacia por koncentri en ĝi nemultajn fortojn de entuziasmuloj.

La plej preparita grundo, plej bezonata branĉo kaj plej perspektiva sfero por la apliko de IL estas tiu de scienco. Kaj en la scienco, aŭ pli larĝe - la scienco kaj tekniko - nature la plej grava sektoro estas informado pri la lastaj eltrovoj, atingoj, eksperimentoj en diversaj scienc-teknikaj fakoj. Sekve logiko de la evoluo altrudas per si mem la konkludon, ke necesas enigi la IL en la sferon de la scienc-teknika informado.

Kiel fari tion ?

Necesas en unu aŭ se eble en kelkaj lokoj krei organizaĵon resp. organizaĵojn de scienc-teknika informado. Aŭ ĉe la Internacia Scienca Revuo kaj sekve ĉe ISAE, aŭ sendepende en iu lando. Aŭ eble en kelkaj landoj samtempe, kaj en organiza formo koncentri ĉiujn branĉojn de la scienco en unu loko aŭ certamaniere distribui temojn, ekzemple geografion-geologion - en Jugoslavio, fizikon-kemion en GDR, maŝinkonstruon ~~xx~~ kaj malpezan industrion en ĈSSR kaj Pollando, nutraj-industrion en Bulgario ktp.

La formo de tiu ĉi laboro devus esti jena : oni altiras erudiciajn homojn laŭ ellaborita listo de sciencaj kaj teknikaj fakoj el plej diversaj landoj kaj komisias al ili komence senpage, sed poste kontraŭ honorario (laŭ evoluo de la afero) regule sendadi el sfero de proksima al ili fako resumojn de l publikigitaj artikoloj, indikante ĉiujn bezonaĵojn kiel estas akceptite ekz. en konataj "bibliografiaj indeksoj". Laŭ evidenta perspektivo - esperantistoj povas fari tion multe pli lerte ol ajna "Indekso".

La centro ĉion ~~k~~ kunmetus laŭ ĉapitroj, prezentantaj la scienc-teknikajn branĉojn kaj aldonus en formo de apartaj folioj, nekolekteblaj laŭ arbitra principo. Kaj ĝi eldonas kiel suplementojn al la ekzistanta pres-organo. Dezirinda titolo de la folio : "Scienc-teknika informado".

Unue oni povas trakti larĝigitajn sektorojn, ekzemple sub la titolo "biologio" eblas kunmeti kaj la medicinon kaj la agrikulturon kaj defendon de la viv-medio ktp.

La provnumeroj de tiuj ĉi folioj estus dissendataj al ĉiuj institucioj de la scienc-teknika informado. Sed la pluaj jam estu sendataj strikte nur kontraŭ la abonpago. Kaj la komenca eldono povas esti pro tio ege modesta.

La ĉefa konsidero estas, ke por la sciencisto-esperantisto prezentas nenium penon priskribi per kelkaj linioj artikolojn, kiujn li nepre legas pro siaj profesiaj celoj.
Eble ec estus eelkonforme krei Internacian Asocion de Scienc-Teknika Informado, kiu devus kunlabori kun ĉiuj esperantistaj kaj neesperantistaj informad-sistemoj en larĝa skalo.

En Lingvoscienca Instituto de la sovetia Akademio de Sciencoj jam estas kreita koncerna grupo "por la problemoj de la helplingvo por internaciaj kontaktoj". Tamen ĉiuj teoriaj studoj de tiu kaj similaj alilandaj grupoj de diversaj lingvosciencaj korpusoj tuje ekpostulos havon de iu bazo por praktika utiligo de la studoj. Kaj la plej proksima kampo por tio estas sendube la sfero de la scienc-teknika informado.

N. Danovskij

## KUNVENO DE T.E.J.A EN HAMBURGO

La 30an de julio kunvenis en Salono Bünemann la membroj de T.E.J.A. Post la enkondukaj vortoj de la prezidanto Olav Thornodsen el Norvegio, kiu informis la kolegojn pri la situacio de la Asocio kaj pri la laborplano farita de la estraranoj por prepari la novan Statuton de TEJA, sekvis la raporto de la generala sekretario-kasisto Dino Fabris el Italio, kiu - krom la jara morala kaj financa raportoj de la Estraro de post la 58a UK en Beogrado - prezentis al la ĉeestantoj, artikolo post artikolo, la novan bazan dokumenton, kiel rezulton de diversaj proponoj, faritaj de s-anoj AVOTO, Danovskij, Fabris kaj Keremidĉiev.
La kunveno decide aprobis la novan Statuton kaj samtempe opiniis, ke estas necese referendumi pri ĝi por akiri la definitivan aprobon de la membraro kaj esplori la juran flankon rilate la aprobon por doni laŭeble al la ĵurnalistoj esperantistoj aliĝintaj al TEJA nacian kaj internacian juran gravecon.
Laŭ la sugesto de kolego Uśpieński el Pollando, kiu akcentis la neceson de kontaktoj inter la TEJA-anoj, la Estraro esploris la eblecon pri interŝanĝo de materialoj kaj pri la reciproka helpo sur la profesia laborkampo.
Post la bedaŭrinda malapero de "Internacia Ĵurnalisto" pro la malbona financa situacio la kunveno samopiniis pri tio, ke la estraro esploru la terenon por la reaperigo de informa bulteno, eventuale en stencilita formo, kiel jam klopodas kolego Kníchal el Prago, kaj tiurilate interkontaktiĝu kun la oficiala redaktoro de IJ I.K.Esperov.

D.Fabris

Rim.: La ekziston de tiu ĉi provizora informilo prisilentis Kongresa Gazetara Servo. Pro tio IdE elstariĝas en sia titolo; Nur ĝeaĉero de la informilo. Tion ja oni povis konstati jam antaŭ pli ol duonjaro sen preteratenti la hodiaŭan fakton, ke ĉiuj paŝoj dum tiu tempo jam estis faritaj. Kaj ili koncernas ne nur la daŭrigon de IJ. (Kni)

## Kolegoj bonvenigas...

La unuan numeron de la renovigita Internacia Ĵurnalisto el junio ĉijara bonvenigis pluraj kolegoj kaj samideanoj. Jen iliaj voĉoj :

"Mi Vin tutkore gratulas pro la unua grava sukceso - la apero de l informilo "IĴ". Do almenaŭ en tiu formo komenciĝas la renesanco" N.Danovskij, Moskvo

"Mi el la tuta koro salutas Vin pro la kuraĝo,ke Vi transprenis la radiktan laboron de IĴ kaj al Ĉeĥa Esperanto-Asocio, ke ĝi surprenis la eldonan taskon. Tiel la revuo IĴ estas savita kaj ĝi plu vivas". Dr. L.Márton, Budapeŝto

"Mi ricevis vian etan bultenon kaj mi gratulas vin pro via iniciato,kiu momente anstataŭas njan oficialan organon de TEĴA, redaktitan de Esperov-Keremidĉiev".
d-ro D.Fabris,Citadella,It.

"Kun kontento kaj danko mi kvitancis ricevon de "IĴ",n-ro 1. Efektive, eĉ ankaŭ modesta atingo estas pli ol nenio.Nur el modestaj ĝermoj kaj ŝosoj povas elkreski grandaj arboj fruktodonaj - se troviĝas seriozaj kaj laboremaj kulturantoj".
J.Ojalo, Tallinn,USSR

### Publike pri Esperanto

La revuo de Tutsovetia Centra Konsilantaro de Sindikatoj "Teĥnika i nauka" (Tekniko kaj scienco),eldonkv. preskaŭ 200 mil ekz.,en sia 5a n-ro aperigis 2pagan intervjuon kun M. Isajev kaj D.Armand sub la titolo "Esperanto-ĉu la lingvo de estonteco ?" J.O.

### Ĵurnalistaj premioj vakas

Jam pluraj jaroj funkcias Belartaj konkursoj de UEA, fruktodonante grandparte la poeziajn erojn kaj ofte akcentante nur la lingvan aspekton de la premiotaj verkoj, dume preterlasante ilian literaturan nivelon.Aliflanke la multnombra Esp. gazetaro aperigadas ĉiutage variajn artikolojn eĉ literaturaĵojn, kiuj regas je diversaj gravaj problemoj. Ĉu ne povus esti enkondukitaj ankaŭ premioj por la ĵurnalistaj verkoj aperintaj ekz. dumjare ? (kni)

ATENTIGO POR LA LEGANTOJ ! La sekvan,trian n-ron, oni dissendos nur kontraŭ kompenso al la eldonanto (libroj,gazetoj ks.) kun valoro menciita sube.

---

INTERNACIA ĴURNALISTO - provizora informa bulteno de TEĴA, redaktas O.Kníchal, eldonas ĈEA, Jilská 10, 110 00 Praha 1, Jarabono 1 US.dol. aŭ egalvaloro.

---

Ĵurnalistoj,aliĝu por kunlaboro kaj kunlaborigu ceterajn !